kontraŭan, komencis per akra, mi ne scias de kie prenita tondilo, kun admirinda lerteco kaj matematika precizeco tranĉi egale larĝajn striojn.

Subite aŭdiĝis malespera krio de la ĵus reveninta onklino: „Pro la vundoj de l' Krist-Sinjoro! Kion vi faras, vi malfeliĉuloj?“ Kaj samtempe ŝi alkuregis por savi, kio eventuale ankoraŭ estus savebla. Sed vane! La detrua laboro sukcesis eĉ tro funde kaj nek la plendoj kaj riproĉoj de la onklino, nek miaj larmoj kapablis retutigi la erigitan silkan antaŭtukon.

Dum kelkaj tagoj post ĉi tiu malfeliĉega operacio, mi ne kuraĝis viziti la karan onklinon; nur kiam la ĉionmildiganta tempo kreskigis iom da herbo de forgeso super ĉi tiu aferaĉo, mi ree venis; sed la senperan kontakton kun la brava avineto mi nun evitadis pli ol iam.

Franz Zwach-Wien.

## Lingvaj babilaĵoj.

De F. Bock-Wien.

Estas jam ĝenerale konsentite, ke proponoj pri radikalaj ŝanĝoj en Esperanto ne estas akcepteblaj. Aliflanke ĉiuj esperantistoj konscias, ke lingvaj plibonigoj estas dezirindaj kaj eĉ necesaj, nur oni opinias, ke ŝanĝiĝoj estu kvazaŭ natura evoluo kaj ke proponoj restu inter la limoj de la fundamentaj principoj de la lingvo. Efektive la nekontentiga stato de Esperanto estas grandparte kaŭzita nur de mallerta aŭ tro timema apliko de ekzistantaj reguloj kaj de facile evitebla sensistemeco. En tiu senco oni bonvolu prijuĝi jenan serion de rimarkigoj.

1. Oni prave asertas, ke per la studado de Esperanto oni multe profitas por la lernado de aliaj lingvoj, precipe pro la klareco de ĝiaj gramatikaj formoj. En neniu lingvo pli bone ol en Esperanto oni ekzemple ekkomprenas la valoron de akuzativo, de adverboj kontraŭe al adjektivoj, la veran rolon de prepozicioj ktp. Ĉiu vortkategorio estas laŭsence difinita kaj laŭforme ekkonebla. Bedaŭrindan escepton formas la du prepozicioj **ĝis** kaj **dum**, kiujn oni ĝenerale uzas samtempe kiel konjunkciojn. Se, tradukante franclingven la germanajn „Wir blieben dort **bis** zu seiner Rückkunft“ kaj „Wir blieben dort, **bis** er zurückkam“ oni uzus por ambaŭ „**bis**“ la saman francan vorton, oni farus gravan malkorektaĵon. Se, tradukante francen aŭ anglen, oni uzus la saman esprimon por „**während**“ en „Er lachte **während** meiner Rede“ kaj „Er lachte, **während** ich redete“, tio estus ankaŭ gravaj eraroj. Tamen en la gramatike modela lingvo Esperanto oni diras senĝene: „Ni restis tie **ĝis** lia reveno“, „ni restis tie **ĝis** li revenis“, „li ridadis **dum** mia parolado“, „li ridadis **dum** mi paroladis“. Efektive kelkaj esperantistoj jam nun diferencigas inter **ĝis** (prep.) kaj **ĝis kiam** (konj.), inter **dum** (prep.) kaj **dum ke** (konj.). Estus dezirinde, ke tiu distingo fariĝu deviga. Cetere estus certe akceptinde, se iam, laŭ la modelo de **por-por ke**, **sen-sen ke**, **malgraŭ-malgraŭ ke**, oni ankaŭ uzus **ĝis-ĝis ke**, kaj same **antaŭ-antaŭ ke**, **post-post ke**.

Daŭrigota.

**AŬSTRIA ESPERANTO-DELEGITARO**

Bisamberg bei Wien, Nr. 248.

Post esploro de ambaŭflankaj miskomprenoj kaj pridiskuto de tiuj punktoj de la programo de nia movado, koncerne kiujn regis malsamopinieco, la kriza stato en AED. per repaciĝo estas forigita. La unua direktantarkunsido okazis la 12, la dua kaj tria jam la 16. kaj 23. de aŭg.

Steiner, Mestan, Ĉech, Müllner, Braun, d-ro Pfeffer

(D-rino Smital-Domonkos pro ferioj forestanta ne povis ĉeesti.)

### Tutaŭstria Laborkonferenco

okazos dimanĉe, la 3-an de oktobro 1926, je la 9-a en Wien, I., Burgring, Aeußeres Burgtor, rechter Trakt, Verein „World University“.

Al la jam en n-ro 7 de la oficiala organo AE. publikigita programo ni ankoraŭ aldonas:

Punkto 5. Koncernas transformon de organizo de AED., ĝis nun libera laborunuiĝo de E.-societoj, en E.-asocion (Esperanto-Verband) sur la samaj principoj. Por tiu celo estas necese transpreni la ĝisnunan regulativon kun eventualaj ŝanĝoj kiel asocian statuton. La land- kaj grupestraroj bonvolu por la konferenco prepari eventualajn ŝanĝproponojn.

8. Malaltigo de AED.-kotizoj.

10. Proponoj por la disvolvo de nia oficiala organo.

11. Eventualaĵoj.

Bonvolu sendi multnombre viajn rajtigitajn delegitojn kun rajtigilo.

Por AED.-direktantaro:

Steiner, prez. Ĉech, ĝen. sekr.

---

## Aŭstria Laborkonferenco,

invitita de E. D. W., okazis la 1. de aŭg.

Ĉeestis anoj de 20 asocioj el Wien kaj la provinco. La provizora gvidanto de EDW. s-ro Ĉech malfermis la konferencon kaj proponis jenan estraron: S-ro Schade-prez., s-roj Frey kaj Goldmann-vicprez., s-roj Mader kaj Werner-sekr.

Pri krizo en AED. raportas s-ro Ultmann. Oni resoluciis, ke „la eksigoj estis kontraŭstatutaj kaj tial nulaj" kaj deziresprimis, ke „la nuna direktantaro plu laboru severe laŭ la regularo de AED." Raportoj de la funkciuloj estis prokrastataj ĝis la konferenco en oktobro. Same ankaŭ „novelektoj" kaj „organizaj proponoj por la gazetara servo tut-aŭstria". Pri Paneŭropo oni akceptis la proponon de s-ro Klein, sendi jenan leteron al Paneŭropo: „La konferenco petas je rekono de Esperanto kiel kongreslingvo kaj okazigo de la projektita E.-referato konsiderante la faritajn propagandon kaj publikigon en nia kaj aliaj landoj". S-ro Ĉech atentigas pri fondita sekcio de esp.-istoj-paneŭropanoj. Pri E.-Radio-kursoj kaj prelegoj en aŭtuno raportas d-ro Pfeffer: „Minacas malpliiĝo de la Radio-E.-lecionoj kaj ankaŭ la propono al Ravag jam de longe farita koncerne E.-paroladojn pri Aŭstrio por eksterlando ankoraŭ estas neatentita." Por plibonigi la situacion estis elektata komitato: S-roj Steiner, Frey kaj Inĝ Bernfeld. Al la propono pri disvolvo de nia oficiala organo oni pledas (ĉefe Goldmann), ke plej multaj personoj kunlaboru je A. E. „Esperanto-instituto kaj AED.": Koncerne „E.-Instituto kaj AED" oni akceptis la resolucion: „La E.-societoj de Aŭstrio, kunvenintaj la 1. de aŭgusto en Wien, deklaras, ke la fondo de Aŭstria E.-instituto estas laŭ la regularo la grava celo de AED. kaj EDW. kaj pro minacanta kolizio en la kompetenco de l' agado de tiuj institucioj povas esti fondata nur post detala kaj profunda priparolo de ĝiaj taskoj kaj eble jam statutaro kaj post interkonsiliĝo de ĉiuj koncernaj E.-societoj".

S-ro Schade fermas la konferencon per dankvortoj al la kunvenintoj.

(Laŭ la protokolo de la sekretario E. Werner.)

*

Al la rimarko „ilustranta noto" en n-ro 6 s-ro Klein petis nin, sciigi, ke lia kritiko rilatiĝis ne al la kongreso sed al la laborkunsidoj. (La red.)

## Ŝtata ekzameno!

La ekzamenoj okazos komence de novembro. La precizan daton ni sciigos en n-ro 10. Skribu pro event. informoj per respondkarto al la red.

## Esperanto-Gottesdienst in der Minoritenkirche.

19. September 1926, 10 Uhr, mit Predigt (P. Wolfg. Redwid).

### Raportoj:

**Hainfeld.**

E.-soc. „Al alta celo". Estraro: s-roj Wandl-prez., Gruber-vicprez., Fischer kaj Böswarth-sekr., Bielek kaj Zischek-kas. kaj s-ino Schoberlechner, f-inoj Wimmer, Zöchling kaj s-roj Rogler, Prüfer kaj Foltik. 25 membroj. La 9. julio komencis nova kurso. Dankon al s-ro Goldmann, kiu instigis la fondon, kaj al s-ro lernejestro Kaiserrainer, kiu subtenas E.-on. (Ankaŭ al s-ro instr. Wandl, kiu estas la animo de E. en H... AED.)

**Kurson** en „Norbertinum"-Tullnerbach kun 12 instruistoj gvidas dir. Schamanek.

---

Esperanto-Fachgruppe des T. V. „Die Naturfreunde", Wien, veranstaltet folgende Ausflüge: 5. IX. Tulbinger Kogel; 12. IX. a) Hohe Wand, b) Nördlicher Wienerwald; 19. IX. a) Rax, b) Freie Wanderung; 26. IX. a) Steinriegel, b) Weidling am Bach, c) Eggenburg; 3. X. Hannbaum; 10. X. a) Hohe Mandling, b) Windischhütte; 17. X. Hermannskogel. Auskünfte jeden 1. und 3. Dienstag ab 19 Uhr im Kaffee Molkereihof, III., Radetzkystraße 25.

---

## Rimarkindaj Presaĵoj.

**Jarlibro de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio por 1926,** Paris. Esp. Centra Librejo, 51 Rue de Clichy; prezo: 2 Fr. Enhavo: Regularoj de L. K. kaj pri verkoj rekompencotaj de la Akademio; listo de la Lingva-Komitatanoj kaj de la Akademianoj; pri landnomoj.

### El la eldonejoj:

**Tagblatt-Bibliothek-Wien:**

**Wörterbuch Deutsch-Esperanto** von Dr. Emil Pfeffer, enthaltend über 20.000 deutsche Stichwörter nebst 30.000 E.-Übersetzungen, 180 Seiten stark, erscheint Mitte September. Preis S 1.60, für Deutschland Rm. 1.–.

**Ellersiek & Borel-Berlin:**

**Rusaj Rakontoj,** fabeloj al Helenjo, de Mamin Ŝibirjak. Tradukis N. Kabanov. Esp. Bibl. Intern. n-ro 4. Tria eldono (8–15 miloj). Prezo gmk. 0·40. — La ĉarmaj fabeloj pri „kuraĝa leporo", „kulineto", „muŝo", „lakteto" kaj pri floroj estas interesaj dokumentoj pri arteco, sincera bonkoreco kaj spriteco de la fama rusa verkisto, kiel ankaŭ pri lia kapablo observadi la naturon. Ĉi tiuj fabeloj entenas ankaŭ tre edukajn moralproblemojn kaj ili estas vere legindaj ne nur de infanoj sed ankaŭ de plenkreskuloj. La traduko estas esperantlingve modela. La libreto, konforme al ĉiuj eldonaĵoj de la firmao, bonaspekta kaj korekta. Sós.

**La patrino. Ernst Zahn, trad. J. Ŝmid;** E. B. I. No. 27. 0.40 orm.

Kritikadi lingvan bonecon de verko „rekomendita de Esperantista Literatura Asocio", signifus iĝi pli kritikema ol tiu kompetentularo. Cetere eĉ multaj kursanoj jam memjuĝe trastudis tiun modelan rakonton, kiu aperis en 2-a eldono. Historio de animforta patrino amanta sian filon, ĝis kiam li en eksterlando malboniĝinte tiel kontrastegas la bonmorojn de l' hejmlando alpara, ke ŝi por ŝirmi virgulinon kontraŭ pasia atako de l' filo nenion alian povas ol mortigi lin, la solinfanon kvankam amegitan, tamen perditan nun el sia koro honesta.

Interese estas kompari la tekston de l' traduko de Ŝmid kun tiu pli moderna de d-ro Kliemke, kiu en sia lernolibro (Mosse-Berlin) uzis la saman novelon kiel bazon de l' instruo.

**La regado de si mem per konscia aŭtosugesto; E. Coué,** esperantigita de J. Borel; E. B. I., No. 33; 0.40 orm.

Malsamaj estas la opinioj pri la „Couéismo", arto, kuraci sin mem per aŭtosugesto. Unuj nepre konsentas la konvinkon de l' ĵus mortinta aŭtoro, ke ne la volo, eĉ tre decidema, sed la imago estas la plej potenca forto en ĉiu homo, aliaj hezitas konfirmi tion aŭ eĉ kontraŭbataladas. Tamen ĉiuokaze por ĉiu, kies interesoj ankaŭ atingas la kampon psikologian — do nuntempe tre ŝatatan — la libreto, kiu klarstile kaj koncize resumas la idearon de Coué kaj prezentas konsilojn praktikajn por la ĉiutaga vivo, estas leginda. En dua eldono oni klarigu la sencon de vortoj ne sufiĉe konataj, kiel ekz. „abandono", „kontaĝio", „adrenalino" k. a., kiuj kelkfoje interrompas la bonfaman, mirindan simplecon de l' stilo Borel'a. D-ro Leo Blaas-Innsbruck.

**Heroldo de Esperanto-Horrem:**

**Josef kaj la edzino de Potifar** aŭ „Idoj de Merkuro kaj Eroso", orig. romano de H. J. Bulthuis, L. K. (rekomendita de Esp. Literatura Asocio), du volumoj. La unua jam aperos post 2 semajnoj. Prezo de ambaŭ volumoj rmk. 5.— kaj 20 pf. afranko. Kiu mendas kaj pagas plej malfrue ĝis 15. 9. ĝuas favorprezon de rmk. 4.—.

**Hirt & Sohn-Leipzig:**

**Insulo de Feliĉuloj** de Aŭgust Strindberg, el la sveda lingvo tradukis Oskar Frode. Int. Mondl. N-ro. 17.

Per ĉi tiu nova volumeto de la en Esperantujo nun jam hejmiĝinta kaj tre ŝatata kolekto prezentas sin al ni la fama nordlanda verkisto. Por ne difekti la ĝuon al la legontoj ni nur supraĵe skizetos la enhavon. Unuavide ĝi estas kvazaŭ aventuro laŭ Robinson Crusoe, nur ne travivita de unu sola persono, sed de tuta, kelkcentnombra aro da gehomoj, grandparte eksmalliberuloj. Iom post iom ĝi fariĝas tranĉilakra satiro, en kiu la aŭtoro senindulge skurĝas nian tutan socian vivon kun ĉiuj ĝiaj institucioj kaj aranĝaĵoj. Brile redonita estas la kontrasto inter la vivo sur la insulo de feliĉuloj, kie pro abundeco baldaŭ forestas la reciproka envio kaj sekve ankaŭ ĉiuj ceteraj homaj difektoj — kaj tiu en la posta loĝlando de la intertempe multobliĝinta vojaĝantaro, kie pro manko de vivrimedoj kaj devigo al peniga laborado, reaperas la bestecaj instinktoj. — Bonega, flustila Esperanto perfekte interpretas al ni ĉi tiun altinteresan verkon de la eminenta sveda literaturisto. Kelkaj malgravaĵoj, kiel ekz. „keglo" anst. „konuso" aŭ „brulŝtofo" anst. „brulmaterialo" estas eble pridiskutindaj.

**Paul Bennemann, Esperanto-Handwörterbuch, II. Teil, Deutsch-Esperanto.** Wir begrüßen sie wärmstens, diese neue Gabe des rührigen Verlages, der für unsere Sache schon viel Ersprießliches geleistet hat. Endlich ist der schon lange, und vielfach mit Ungeduld erwartete Bennemann II. Teil erschienen!

Wohl selten bewahrheitet sich das alte Sprichwort „gut Ding braucht Weile“ so sehr als gerade bei der Abfassung eines Wörterbuches. Und so ein gut Ding ist das vorliegende Werk; nicht eine bloße Sammlung und alphabetische Aneinanderreihung deutscher Wörter mit der zugehörigen Esperanto-Übersetzung daneben, sondern eine tiefgründige sprachwissenschaftliche Arbeit, für welche die gesamte Esperantistenschaft deutscher Zunge dem opferfreudigen Verfasser zu aufrichtigem Danke verpflichtet ist. — Unsere Sprache lebt und entwickelt sich ständig und stetig. Wir brauchen also Wörterbücher, um darin festzuhalten, was sich mit der Zeit an neuem Sprachgut angesammelt hat. Der Anfänger mag wohl nach wie vor mit einem kleinen Taschenwörterbuch, oder gar mit dem „Ĉefeĉ-ŝlosilo“ das Auslangen finden, aber jeder, der sich eingehend mit der Sprache befaßt, benötigt ein gediegenes Nachschlagewerk, das über alle Fragen die gewünschte Aufklärung zu bieten vermag. Ein solches ist der eben erschienene „Bennemann“. Wir empfehlen das inhaltlich hochwertige, lexikographisch ebenso einwandfreie wie äußerlich geschmackvoll ausgestattete Buch zum Ankauf. Franz Zwach.

**Rud. Mosse-Berlin:**

**La malgranda Johano** de Frederik van Eeden. Laŭ la 18a holanda eld. trad. H. J. Bulthuis. Bibl. Tutm. n-roj 2-4.

En la vesto de naiva, ĉarma fabelo prezentas sin al ni verko grava, profunde filozofia kaj krome grandioza satiro. Eklegiute la libron, oni ne tuj perceptas la tendencon de la aŭtoro kaj eble eĉ ridetas pri lia aserto, ke „ĉio vere tiel okazis“. — Jes, ĝi efektive okazis; tamen ne en la realeco, sed kiel anima travivaĵo de homo ekstreme poeziema, denaskiĝe dotita per granda fantazio kaj sendube fervorega filantropo. Konklude oni facile divenas, ke la rakonto pri la malgranda Johano estas aŭtobiografio de la verkinto mem.

La enhavo prezentiĝas ĉefe kiel alegoriaro el la mondo malgrandbesta (insektoj, rampuloj ktp.), trafe aplikita al la vivo, agado kaj konduto de la homoj. Nedireble bela estas la priskribo de la naturo kaj de ĝiaj fenomenoj, ekstreme naturalisma tiu de la terura subtera ekskurso tra la ĉerkoj.

Resume: La malgranda Johano estas verko jam pro sia originaleco altvalora, kiu plene meritas internacian diskonigon per Esperanto. Por bonstila, lingve neriproĉinda traduko garantias la nomo „Bulthuis“.

Kelkaj, ĉefe kompostistaj eraroj ne multe ĝenas, sed „miksamasaĉ — subtegmentejoj“ estas tamen malsukcesinta vortkombino.

Franz Zwach-Wien.

**Aliaj:**

**Novaj homoj, novaj vojoj.** Por la XVIIa E.-kongreso en Genève eldonis la Centra Cionista Organizo esperantan broŝuron „Hebrea progreso en Palestino“, priskribantan en ĝeneralaj trajtoj la celojn kaj ĝisnunajn atingitaĵojn de la cionista movado. La bona akcepto, kiun trovis la nomita broŝuro inter la esp.-istaro, instigis C. C. O. fari pluan paŝon kaj prezenti nun unu specialan branĉon de la agado en Palestino, nome la kolonizan laboron en „Emek Jezreel“, (valo de Ezdralon) kiu dum la pasintaj kvar jaroj fariĝis modelo de hebrea agrikulturo en Palestino. La 32 pĝ. bele presita kaj riĉe per 27 fotoj ilustrita broŝuro estas senpage havebla de C. C. O., London, 75, Great Russell St., W. C. I.

Dr. E. Pfeffer-Wien.

**Kompleta traktado pri la prepozicioj** (veraj kaj ŝajnaj) **kaj pri la akuzativo per ekzemploj en Esperanto.** Alberto Mair, fakinstruisto, Vieno, XVI., Hasnerstr. 103. Propra eldono. 16×12 cm. en Germ. Rm. — 80, en eksterl sv. fr. 1.—, en Aŭstr. Ŝ. 1.20.

Estis tre bona ideo de la aŭtoro, pritrakti ĉi tiun materion aparte de la cetera Esp.-gramatiko. Sisteme kaj bonmetode ordigita, kun koncizaj karigoj kaj multaj, el la plej eminentaj fontoj de nia literaturo ĉerpitaj ekzemploj, ĉi tiu verketo prezentas sin kiel taŭga vojmontranto tra la ŝajna labirinto de la Esperanto-prepozicioj kaj sperta piloto tra la danĝeron minacanta rifaro de la akuzativo. Eĉ por perfektuloj ĝi povas servi kiel utila rememorigilo en dubaj okazoj. Kelkaj malgravaj eraroj foriĝos en la certe tre baldaŭ necesa dua eldono. Plaĉa aranĝo, bona preso, oportuna formato kaj preskaŭ ridinde malalta prezo pliigas la valoron de la libro, kies aĉeton ni varme rekomendas. Franz Zwach.

**Ĉies int. esp.-a stenografio** de F. Dyba, Berlin-Niederschönhausen, Moltkestr. 4; du 14 pĝ. kajeretoj: „Korespondada skribo“ kaj „Raportista skribo“. Ĉiu parto 1 sv. Fr. kaj sendkostoj antaŭpagataj.

„Ĉies“ estas stenografio, en kiu estas uzataj la formoj kaj reguloj de Gabelsberger kaj Roubos. Por ŝpari konsonantformojn la aŭtoro uzas la samajn, sed dikajn kaj maldikajn signojn por malsamaj konsonantoj kaj tial bezonas la maldikajn konsonantligantajn streketojn por ĉiuj vokaloj, el kio rezultas, ke la vortoj ne estas sufiĉe rapide legeblaj, se ili ne estas belege kaj tre precize skribitaj. Pri tio verŝajne pensis ankaŭ la aŭtoro, ĉar por ĉiuj klarigaj vortoj kaj por ĉiuj leg-kaj skribekzercaĵoj li aldonis „ŝlosilon“. Tamen oni vidas kun kia talento kaj diligenteco, kun kia zorgo kaj precizeco la aŭtoro laboris, ĉar en preskaŭ ĉiuj „sigeloj“ oni povas rekoni la elementojn.

Personoj, lerninte E.-on kaj ankoraŭ ne sciante ian alian stenografisistemon, povus „Ĉies“ kun sukceso uzi, la aliaj verŝajne ne. Por interesuloj, kiuj volas konatiĝi kun diversaj sistemoj, tiu ĉi verketo estas rekomendinda. J. Schamanek-Tullnerbach.

**500jaraj festoj en Helsingör (julio-aŭg.),** ilustr. propagandilo, eld. sub la aŭspicioj de la jubilea komitato kaj societo de danaj esperantistoj.

**Benjameno F. Smith.** Historieto pri Elfarado de Everett W. Lord, Dekano de la Kolegio de Komerca Administrado de Bostona Universitato, Boston, U. S. A.; 1926; 18; 13; 17 paĝ. „Tiun ĉi libreton, kiu montras kiel laboremulo bonmorala povas sukcesi en Ameriko, oni donacas al vi kun espero ke vi returne sendos mallongan priskribon, kaj en via propra lingvo kaj en Esperanto, pri via urbo, komerca aŭ profesia vivo, ktp., al Everett W. Lord, Bostona Universitato, Boston, Mass., Usono."

Kial ne unufoje recenzo komencu ĉe la fino de la libro? Jen estas ĝia lasta alineo: „La junaj gesinjoroj kiuj direktos la aferojn de ĉi tiu nacio trovos bonan kaŭzon por plena pripensado pri la interplektado de granda simpleco kaj alta elfaro en la vivo de Benjameno F. Smith."

La celo de la fortike kartonumita, belege presita libreto estas do, instrui la junan generation per vivega, tre interesa sed simpla biografio de ankoraŭ vivanto pri la vojo al ekonomia sukceso. Walter Smital - Wien.

**Metodo de la manpresitaj ornamaĵoj** de Albín Neužil; I a parto, Olomouc-Neředín, 1926; prezo 2·50 sv. fr.; $3^1/_2$ pĝ. teksto kun 8 diverskoloraj ilustraj tabuloj; 26×21·5 cm.

La belimpresa mapo kun verda stelo allogas kaj certe estas bona E.-propagandilo por lernejaj rondoj. La enhavo iom elrevigas fakulon, ĉar (almenaŭ en nia lando) la montrita ornamaĵarangô laŭforme ne plu estas moderna. La klariga teksto bonstila vortpentras detale la praktikan procedon. Fakulo maltrovas en ĝi metodologie valorajn datojn ekz pri la aĝo de la junaj produktintoj, pri iliaj antaŭekzercoj desegnaj kaj ĉizaj, pri interligiteco de l'instrumaterio kun aliaj lernejfakoj k. s. Sed tio ne malpliigas la valoron de la ĝojiga verketo.

D-rino Smital - Domonkos, Wien.

**Gvidfolioj** tra Genève, Stettin, Dobŝina, Thiers, Bratislava, Deal & Walmer estas eldonitaj sub aŭspicioj de la Turisma Servo de U. E. A. Interesuloj ricevos ilin senkoste de U. E. A., 12. Bd. du Théatres, Genève.

**Gvidlibreto tra la distrikto Schönhengst** (la plej granda germana lingva insulo en Ĉeĥoslovakio), eld. sub aŭspicioj de la germ. regiona popolkleriga asocio kaj esp.-ita de Erich Koblischke, instruisto, Landskron; 16 pĝ. il., prezo Kč 1·— ĉe la tradukinto mendebla. Beleta, plaĉa broŝureto, imitinda.

**La direkcio de fervojo Verona—Caprino—Garda** invitas per 4 pĝ. il. broŝureto en E. al uzado de ĉi tiu fervojlinio. Adr. Verona, Strada Venezia 1.

**Vojaĝo, kiu ĉiam alportas gajnon, estas la veturo al la foiro de Frankfurt a. M.** (26.—29. sept. 1926). Jen la titolo de la invita broŝureto ilustrita, kiun dissendis Messeamt, Frankfurt a. M. Mendu ĝin!

**VII. intern. Specimen-foiro de Reichenberg,** 14.—20 aŭgusto, dissendis beletajn broŝureton kaj afiŝon en E. Mendu ilin senpere.

**„Internacia Medicina Revuo"** depost januaro 1926 estas eldonita sur tute nova bazo. Ĉefredaktoro: Prof. Vanverts el Lille. Kunlaborantaro el ĉiuj landoj. Enhavo: originalaj artikoloj; aŭtoreferatoj; referatoj; komunikaĵoj de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio; diversaĵoj. Abono: 1 Dolaro aŭ samvaloro.

Pri sciigoj, sendo de dokumentoj, ktp. sin turni al red. d-ro Briquet, rue de la Bassée 31, Lille (Franclando).

**La Forta Voko,** dana E.-gazeto, aperis unuan fojon en jan. 8 pĝ., red. Paul Neergaard, Livjaegergade 19, Kobenhavn.

**Deklaracio fidela** pri la Vero elmontrata laŭ la Sankta Biblio kaj ne sama kiel la kredo populara, kiu multe konsistas el la fabloj, kiujn venontaj la apostolo Paŭlo antaŭdiris. Havebla senpage de G. Martin, 45 Calmont Rd, Bromley, Kent, Britlando.

---

## Kie oni renkontas E.-istojn kaj ricevas informojn?

So = d, Mo = l, Di = m, Mi = me, Do = ĵ, Fr = v, Sa = s.

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Bürggasse 16. Gasthof (gastejo) „Altes Stadttheater", Di (m) 20—23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20—22 h.

Esperanto-Klub, Gasthof „Goldener Greif", bei der Triumphpforte, Mi (me) 20—22 h.

**Klosterneuburg.**

Esp.-Servo, Martinstr. 59—61, gastejo Ebner (Leiter: Ebner u. Leidlmayr) täglich (ĉiutage).

**Wien.**

Aŭstria Katolika Ligo Esperantista, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17—19 h.

I. Wiener Esp.-Verein, I., Weihburggasse 12, Kasino, Fr (v) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Do (ĵ), 19—21 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, Di (m) 17—19 h.

„Konkordo", V., Margaretenplatz 4 (Terrassencafé), Do (ĵ) 19—22 h.

Esp.-societo „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.

Akademischer Esperanto-Verein, I., Universität. Zusammenkunft wie (kunvenejo la sama kiel) „Danubio".

Esperanto Bücherstelle d. Freien Esp. Arbeitsgemeinschaft, VII., Lerchenfelderstr. 23; Auskünfte (informoj) Täglich 18—19·30 h.

Esp.-Bildungsverein „Supren". VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.

Esp.-Unio Fervojista. XIV., Avedikstr. 2, Di (m) 19 h.
Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.
Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16–19 h.
Esp.-soc. „Kulturo", XVIII., Kreuzgasse 34, Café Hildebrand, Di (m) 19·30 h.

## Rekomendindaj firmoj.

E. signifas, ke oni parolas E.-on.

**Graz.**

Café = kafejo:
„Post", I. Haring, Neutorgasse.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.

**Wien.**

Elektrotechniker = elektroteknikisto:
Herm. Heutler, (E), VIII., Pfeilg. 53, tel. 22096.
Kleider, auch nach Maß = vestoj:
Alfred Mährischl, XII., Giersterg. 6.
Pension = pensiono:
„Esperanto" (E), IV., Argentinierstr. 53, Mezz., tel. 52740.
Versicherung = asekuro:
F. Strubecker (E), III., Schützeng. 3, kunlab. ĉe asekurentrepr. „Janus", fond. 1824.
Zuckerwaren = sukeraĵisto:
Franz Prohaska, XII., Premlechnergasse 21.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.